# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** **H. Hodler.†**
**Redaktoro :** **Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


## TRIPOLO

### En la antikva kvartalo

*Mistere alloga estas aspekto de strateto el la interno de la ĉefurbo de Libio. Tie de minareto, la muezino, per sia voko, instigas al preĝo la kredantojn. Multkolora estas la vivo tie, kie araboj, beduinoj, berberoj, spanjoloj kaj aliaj orientanoj karakterizas la landon. Karavanoj memorigas tie pri la proksima senfina dezerto.*

**ENHAVO:**




**31-a Jaro N° 416**

**APRILO 1935**




# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/35 :
N-ro 6 — Aprilo 1935

*Ĉefdelegiteco Nederlando.* — Post kiam S-ro J. Telling, Rotterdam bonorde likvidis sian laboron kaj ĵus transdonis la rilatajn dokumentojn kaj materialon al sia posteulo, ni memorigas tie ĉi nian komunikon en la « Of. Inf. » N-o 3, laŭ kiu nun estas ĉefdelegito S-ro Prof. P. H. Mooij, Teunisbloemlaan 19, s'Gravenhage.

*Turisma Servo.* — Komence de aprilo estas sendita de la C.O al ĉiuj delegitoj kaj vicdelegitoj (escepte Germanujo) ekzemplero de 14 paĝa, ilustrita prospekto en Esperanto de la germana ŝipkompanio « Norddeutscher Lloyd », Bremen. Ni tre rekomendas la presaĵon al la atento de ĉiuj ricevintoj. Ĝi estas ne nur praktika informilo, sed impresa propagandilo. Pliaj ekzempleroj estas riceveblaj por seriozaj interesitoj de la CO de UEA. (Komp. ankaŭ la anoncon sur pĝ. 16 de « Esperanto », Aprilo 1935.)

*Estrara Kunveno de UEA.* — Al la estraranoj de UEA estas senditaj la internaj cirkuleroj 6 kaj 7 kun situacia raporto kaj invito, kun detala tagordo, al la laŭstatuta paska kunveno en Ĝenevo. La unua kunsido okazos je Vendredo la 19 aprilo (14,30 h.) en la Centra Oficejo de UEA.

Robert Kreuz, Direktoro.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Brugge.* — D : Charles de Coster, 9, St. Gilleskerkstraat.
*Charleroy.* — D : Victor Demoulin, Telegrafisto, 24, rue de l'Egalité.

**Britujo**

*Uttoxeter.* — D : L. P. Griffiths, 39, Carter Street.
*Bristol.* — VD : E. I. Peddley, 20, Upper York Street.

**Danujo**

*Risskov.* — D : Carl Adolph Hvorslev. « Nordly » Asylvej.

**Francujo**

*Don.* — D : O. Lemichez, Chemin de Malaga.
*Dijon.* — D : S-ino M. Petit, 33, rue Chabot,-Charny.
*Laon.* — D : S-ino Boulay, 19, rue Vinchon.
*Saint-Quentin.* — D : Charles Violette, 52, Boulevard Gambetta.
*Thiers.* — D : S-ino Zoé Berthed, 57, rue Marcel-Chabot.
*Enghien-les-Bains.* — D : S-ro Raymond Dru, 47, rue Félix-Faure.

**Jugoslavio**

*Bjelovar.* — D : Julio Eker.
*Vukovar.* — D : P. Hideghéthy. — VD : Stjepan Metzinger, urba veterinaro.

**Svedujo**

*Eskilstuna.* — D : Axel Anderson, Drakensköldsgatan 8.
*Upplands Bodarne.* — D : J. A. Bomgren.
*Linköping.* — D : F-ino Thyra Lindsten, Storgatan 5.
*Kramfors.* — D : Arne Melander, 908.
*Ostlervada.* — D : Gustav Ottander, Prästgarden, Tallbacken.

**Usono**

*Allentown.* — D : Calvin C. Cope, 435 North 6th Street.
*Meadville.* — D : J. Conrad Fisher, Neason Hill, R.D.7.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Alĝerio :* Philippeville.
*Aŭstralio :* Geraldton.
*Belgujo :* Lier.
*Britujo :* Chapel-en-le-Frith, Peterborough, Wallsend, Wellingborough, West Hastlepool.
*Francujo :* Montmorency.
*Polujo :* Nowogródek.
*Portugalujo :* Arcos de Valdevez, Entroncamento, Moita do Ribatejo
*Usono :* Chicago.

---

**Naskiĝo**

Al gesinjoroj René Llech-Walter, Perpignan (Francujo) naskiĝis filino Colette. Korajn bondezirojn.
En nia februara numero ni erare sciigis, ke naskiĝis filino al gesinjoroj M. de Ketelaere en Antwerpen (Belgujo). Ni devas hodiaŭ korektigi tion, informante, ke la feliĉaj gepatroj estas gesinjoroj G. van den Bossche-van Eynde, en Antwerpen.

**Edziĝo**

F-ino Micheline Jaccard, Morges-Lausanne, edziĝis kun S-ro Hans Huber, Haus Sonnegg, Arbon (Svislando). Niajn korajn gratulojn !

### Honorigo

Okaze de la naskiĝtago de Reĝo Georgo de Grandbritujo, kelkaj personoj en Kanado estas honorigitaj. Inter aliaj F-ino Marshall Saunders, kiu ricevis la dekoracion « C.B.E. » = Komandoro de la Brita Imperio. F-ino Saunders estas aŭtorino de kelkaj libroj, el kiu la plej bone konata estas « Beautiful Joe » la aŭtobiografio de hundo. Tiu ĉi libro estas tradukita en dekduono da lingvoj, kaj aperis en Esperanto antaŭ kvar jaroj. La aŭtorino estas membro de la Esperanto Klubo de Toronto.
S-ro Luis Kelety, Del UEA en San Nicolas estis nomita reĝa konsulo de Hungarujo en Rosario (Santa Fe) Argentino, Agronomia inĝeniero, specialisto en vinberkulturo, S-ro Kelety venis al Argentino kontraktita de Agrikultura Ministerio antaŭ 18 jaroj. Post lia edziĝo kun argentinino li enradikiĝis en la lando. Jam antaŭtempe li estis elektita prezidanto de Federacio de Hungaraj Societoj en Argentino, Urba konsilanto kaj loka delegito de Argentina Agrikultura Federacio en la unua nomita loko.

### Niaj mortintoj

F-ino Marta Zündel, Bern, 28.3.1935, Dumviva membro de UEA, onklino de nia hon. prezidanto, Sro Ed. Stettler.

S-ino Hedwig Hartog, Hannover, 4.2.1935, malnova membro de UEA.

S-ro James Leakey, Hasfield, Delegito de UEA, Marto 1935.

Bona amiko Wilson Henry Sturge, Birmingham, forpasis al pli alta sfero, la 4.3.35 en sia 71a jaro. Sian morton li antaŭvidis sentime, sed kun karakteriza bedaŭro nur, « ke devas esti ĝuste nun, kiam revenas la printempo ». Li vivis intense kaj entuziasme. Amante la bonon kaj belon, li laboris, por ke ili ekzistu pli abunde kaj eniĝu pli abunde en la vivon de aliaj. Relative bonstata, li dum kelkaj jaroj loĝis inter la malriĉuloj, por kiuj li laboris dum sia tuta vivo.
Al nia movado li varbiĝis dum la milito, kaj kiel Vicdelegito de UEA, Patrono de ICK, kaj Vicprezidanto de la Kvakera Esperantista Societo, li aktive subtenis ĝin. Senĉese li propagandis por Esperanto inter siaj samreligianaj kaj multaj aliaj. Lia entuziasmo al nia lingvo estis vere infekta ; nun mortis li, sed ne lia influo. R.I.P.

# La teknika vivo internacia en la praktiko

En la januara numero de nia gazeto aperis tre interesa artikolo de Profesoro E. F. Petritsch de la Viena Teknika Alt-Lernejo, en kiu li ekzamenis la ĝeneralan enkondukon de Esperanto de la vidpunkto elektra-tele-komunikada. Estu permesate al mi, diskuti kelkajn rimarkojn laŭ la praktika vidpunkto teknika.

Nuntempe, kiam la teknikaj sciencoj jam estas tute internaciigitaj, la sciencaj tezoj kaj veroj ja estas samaj en la tuta mondo kaj ili formas trezoron de l' tuta terglobo. Ĉirkaŭrigardante, ni ne trovas, en la diversaj landoj, la tiel necesan unuecon de la supera fakinstruado kaj tiun de la fakliteraturo. Precipe la teknikaj sciencoj, kiel la plej internaciaj, bezonas pleje la unuecigon en la instruado kaj direktigo ; samtempe estas bezonate informi la teknikistojn, kaj la kompetentulojn de la diversaj popoloj pri la novaj rezultaĵoj kaj efikoj de l' praktika teknika kaj scienca vivo. Jen du problemoj, kiuj devas esti solvataj : la unuecigo de la fakinstruado kaj la kreado, disvolviĝo kaj disvastigo de la neŭtrala kaj facile alproprigebla fakliteraturo internacia.

La unua problemo, kaj ĝia solvo estas komplika. La situacio estas nun tiel, ke la diplomo, akirita de la teknika Altlernejo de iu ŝtato aŭ ne estas valora en alia lando, aŭ la akirinto devas fari novajn ekzamenojn, aŭ en la plej favora kazo la valorigo bezonas malsimplajn oficialajn procedurojn. Kelkfoje la teknikaj Altlernejoj de iu lando havas aliajn fakojn, ol tiuj de la alia lando ; eĉ ĉe samaj fakoj tre malsamaj estas la lernmaterialoj. Oni devus zorgi pri la egaligo de la gravaj malsamecoj. La vasta anaro de UEA en la tuta mondo, povus tiun ĉi unuecigon propagandi iom post iom, prepari la vojon ĉe la registaroj kaj la Ligo de Nacioj, ĉar la konvena, eĉ sole konvena organo por la solvo de ĉi tiu problemo estas la Ligo de Nacioj. La Ligo havas la necesan aŭtoritaton, eĉ potencon, por la valorigo de siaj decidoj. Ĝi povas kolektigi la kompetentulojn de la diversaj landoj por pritrakto kaj trovi homogenan kaj ĝenerale valoran solvon.

La alia grava demando estas la problemo de la internacia fakliteraturo. Hodiaŭ, escepte la japana lingvo, kiu formas ekstran, izolitan lingvosferon, kaj pro siaj specialaj ecoj ne povas esti konvena por aliaj popoloj, ekzistas tri ĉefaj teknikaj lingvoj : la germana, angla kaj la franca. Kiu ajn el ĉi tiuj memstaraj linovosferoj, havas krom la ĝenerala teknika instruiteco ankaŭ specialan sciadon en apartaj sciencfakoj. Ĉi tiu situacio nature influis la fakliteraturon de la koncerna lingvo. Tiel evoluciiĝis la fakliteraturo de ĉi tiuj nacioj laŭ certaj ĉefdirektoj. La teknikistoj tiel devas koni la fakliteraturon ankaŭ de aliaj lingvokampoj. Tio premisas la scion minimume de du fremdaj lingvoj. La malgrandaj nacioj eĉ bezonas la alproprigon de tri fremdaj lingvoj, por pli granda perfektiĝo en la teknikaj sciencoj kaj por la studado de la koncerna fakliteraturo.

Ĝenerale, la nacilingva fakliteraturo teknika konsistas el originalaj verkoj kaj el tradukaĵoj. La nacilingva fakliteraturo havas legantaron precipe el la koncerna nacio, la alilingvaj kompetentuloj devas ellerni, aŭ studadi la tradukaĵojn, — se tiaj ekzistas. Sed oni ja ne povas traduki ĉiujn verkojn en ĉiujn lingvojn !

Tre malbonan situacion havas la malgrandaj nacioj, kies lingvokampoj estas tre malgrandaj. Ilia nacilingva fakliteraturo havas nur malgrandan legantaron, la limigita nombro de la vendeblaj ekzempleroj plikarigas la eldonon, kaj logike ilian vendoprezon. Malmultaj verkoj — ĉu originalaj, ĉu tradukitaj, — estas eldonataj. Tial la inĝenieroj kaj teknikistoj de malgrandaj nacioj ne povas atingi tian perfektiĝon en siaj profesioj ol tiuj de la grandaj popoloj, se ili ne konas fremdajn lingvojn. La alia malavantaĝo de la malgrandaj nacioj estas, ke la nacilingva originala fakliteraturo ne povas transpaŝi la limojn de la lingvoregiono kaj tiel jam grandaj valoroj perdiĝas por la mondo kaj por la evolucio.

Jen ! Ni estas tie, kie la du problemoj renkontas unu la alian : do estas necesa facile ellernebla teknika lingvo internacia, kiu estas homogena en la tuta mondo ; laŭ filologia vidpunkto ĝi devas havi kapablecon por la evolucio, esprimpovon, belsonecon kaj facilan paroleblecon, por ke ĝi estu taŭga por teknikaj fakesprimoj, ĝenerale konata kaj disvastigita, tamen neŭtrala. La vivantaj lingvoj ne konvenas pro konataj kaŭzoj ; la latina jam mortis kiel praktike uzata lingvo. Ĝi estas tro malfacila kaj ne facile evoluigebla. Tial teknika lingvo internacia povas esti nur « planlingvo », kia estas Esperanto. Esperanto posedas ĉiujn necesajn bonajn ecojn. Ĝia evolucio homogena estas kaj estos ĉiam garantiata per la aŭtoritato de la Akademio.

Ja, Prof. Petritsch estas prava : ne sufiĉas disvastigi Esperanton. Oni devas disvolvi kaj poluri ĝin kaj severe atenti kaj kontroli ĝian uzadon. Ĉio estas ebla kaj plenumebla. Nia lingvo ankoraŭ bezonas multajn fakesprimojn, la vorttrezoro de Esperanto ankoraŭ ne estas tute kompleta. Sed plifaciligas nian laboron la fakto, ke la teknika lingvonormigo jam komenciĝis. 80 procentoj de la teknikaj fakesprimoj estas latin-grek-devenaj. Oni povas ilin facile akcepti kaj tiel riĉigi nian vorttrezoron. La mankojn devus kompensi teknika komiisitaro de nia Lingva Komitato kaj de la Akademio.

Esperanto povas kontentigi ĉiujn postulojn, kiujn ni devas starigi por kiu ajn internacia teknika planlingvo. La enkonduko de nia lingvo, kiel teknika lingvo internacia, ne havas grandajn malhelpojn. La ebleco jam ekzistas. Nun ni, esperantistoj devas fari nian devon. La teknika vivo atendas la teknikan planlingvon.

Unue ni kreu la esperanto-lingvan fakliteraturon. Ni komencu per tradukaĵoj, eventuale per perioda gazeto teknika. Plie oni devas propagandi, propagandi kaj denove propagandi kaj jam la proksima estonteco pravigos nin. La komenco jam estas farita : Daŭrigante la laboron ni venkos certe, spite al indiferenteco, inerteco, eĉ malspriteco.

Inĝ. L. Kirschbauer, Budapest.

# La Problemo de Tutmonda Malarmado

V.

## PAKTOMANIO

La ĝenerala malriĉiĝo, kaŭzita de armada konkurado, disvastiĝas jam laŭ danĝera dimensio. Simptomoj de tiu malriĉiĝo estas rekte kontraŭaj, se ni traktas ilin laŭ ĝenerala rigardo. Dume la salajroj de la tuta dungitaro ade malaltiĝas ĝis la subnormala vivstato, lastatempe la salajroj de dungitoj ĉe militteknikaj institucioj plialtiĝis. Tio komprenеble ne povas signifi ekonomian pliboniĝon. Ĉar paralele al la grandega kresko de militindustrio ni vidas alian fenomenon, kiu estas eĉ pli katastrofa : halto de l' tuta cetera mastrumado. De la tuta ! Ĉar tiu halto ne ampleksas nur unu ŝtaton, sed la tutan mondon. La mondon hodiaŭ ja tiel premadas la ŝarĝoj de ĉiuj eblaj ekonomiaj limigoj.

La bankroto de mastrumado, ligita kun pli intensa produktado de milit-armada industrio, estas tute komprenebla. Oni povas ĝin esprimi per la vorto : « Protektado »...

La plej granda malbono estas do en tio, ke al ĉi-tiu agado oni donas la maskon de pacemo. Por ke oni senkulpigu tiun pacemon per armado, oni trovis la signalvorton « danĝero », kiu minacas al ĉiuj de ĉie. Tiu ĉi timo antaŭ la danĝeroj fariĝis lastatempe komuna kaj imperativa. Ĝi elvokis tute novan politikon, kiun la monda gazetaro laŭvere nomas « paktomanio ».

La postulojn, dezirojn kaj ideajn tendencojn de militindustrio ni povas konsideri kiel konservativemajn. La militindustrio proklamas ilin ne nur kiel por ĝi legitimajn, sed kiel nepre necesajn por la bono de l' komuna homaro. En la praktika vivo ni povas ilin kunigi en problemon, kiamaniere asekuri la propran agemon, kaj per tio ligite, la grandegan profiton. Certe pro tio oni ne devas kaŭzi la malagordecon de la popoloj, kiuj en la armado vidas laŭvere nur novan danĝeron por la monda paco.

Certigi la pacon kaj *armiĝi pluen, tio estas la revoj de militindustrio.*

Tio estas ebla nur en kazo, se oni ligas la ŝtatojn per la reciprokaj konvencioj. Oni devas zorge atenti en tiu ĉi agado, ke restu la principo de ekvilibro netuŝita.

Unu el la plej grandaj kontraktoj, entute iam faritaj en la historio, estas la kontrakto pri « La Ligo de Nacioj ». Ĝis antaŭ nelonge ankoraŭ ŝajnis, ke ĝi entute konformiĝas tiel al la publika jura sento, kiel ankaŭ al la interesoj de ĉiuj koncernaj kontraktintoj. Kompreneble neniu povis antaŭsenti problemojn, kiuj nur nun aperis. Sed la nepra apero de tiuj problemoj pruvis, ke la principo de ekvilibro ne estas nur endanĝerigata, sed de certa flanko ankaŭ rompata. Sekve de tio la propraj anoj volis ankoraŭ asekuriĝi per apartaj kontraktoj. Per tio do la reputacio de la Ligo de Nacioj bedaŭrinde falis multe. Pasintjare ni estis atestantoj de ankoraŭ grandega politika agemo precipe en Eŭropo. Tiu aktiveco alproprigis al si unu solan taskon : Fari unuafoje kun la amikoj garantikontraktojn kaj post tio devigi ankoraŭ la malamikojn aliĝi al ili. Kaj tiu tendenco, kiel dirite, pruvas la falon de reputacio de la plej granda monda politika institucio. De post tiu tempo la ŝtatoj nome uzas ĝin nur en okazoj, kiam ili estas konvinkitaj pri la propra sukceso. Kaj ankoraŭ tiam, kiam prezentiĝas la ebleco devigi aliajn neemajn anojn al estimo pri la decidoj.

Politiko de ekvilibro — termino, kiun oni dum tempoj de prospero de l'Ligo de Nacioj eligis el la politika vortaro — komencis denove sian agadon. Unue kvazaŭ ian insultegon kontraŭ la kontraktoj de ŝtatoj, kiuj ne estis, aŭ ankoraŭ hodiaŭ ne estas, anoj de la Ligo de Nacioj, kun kiuj do, en la kadro de tiu ĉi institucio, ja ne estas eble fari kontraktojn. Sed ĉe la serĉado pri formado de novaj ligoj, komencis baldaŭ prava vetkurado, kiun ni plej bone nomas per la vorto : « paktomanio ».

Karakteriza por tiuj traktatoj, kiuj estas nuntempe laŭmodaj, estas la jeno : 1) Oni faras la traktaton inter unuopaj ŝtatoj, kiuj ambaŭflanke garantias la komunajn limojn. 2) Oni faras la paktojn, kiu interligas la ŝtatojn sub 1) kaj, kiu denove garantias la komunajn limojn. 3) Oni faras la pakton, kiu gardu la interesojn de kontraktintoj laŭ ilia geografia situo.

Tiuj paktoj kompreneble havas ankaŭ bonajn flankojn. Ili influas trankvilige la publikan opinion, kiu estas tre ekscitita pro la malsukcesoj de la Ligo de Nacioj. Ni ankaŭ ne povas nei, ke tiuj paktoj ne estas plej parte inspiritaj de homamo kaj pacamo. Sed ĝuste tial ni ne povas seniĝi de la impreso, ke ili enhavas, en certaj kazoj, danĝeran venenon. Ke ili estas farataj solintence, gardi sin pri surprizoj nur por certa nombro da jaroj. Eble eĉ en la espero, ke estu poste ebligata, fari novajn paktojn, kompreneble kun alia partoprenanto...

Eble tiuj paktoj estas ankoraŭ la plej sinceraj, kiujn oni faras kun la hieraŭaj malamikoj ! Sinceraj, nome laŭ ekonomia vidpunkto, ĉar ambaŭ subskribantoj bone scias, kiom longe la kontrakto validos kaj, ĉar ili ekonomie dependas unu de alia. Sub tiaj aŭspicioj ne estas malfacile al ili kalkuli la ekonomian efikon. Krom tio ili povas favorigi la rilatajn fakojn de sia mastrumado.

Tiurilate tiaj paktoj distingiĝas severe de tiuj, kiuj estas de ĝenerala t.e. politika karaktero. Dume ĉe la unuj la esenco estas ekonomia solidareco, la esenco de la aliaj estas — reciproka sekureco. Politike garantiata sekureco neniam estas tiel efika, kiel ekonomia solidareco. Tion pruvas bone la aperaĵoj de la aŭtarkio, kiu estas la rezulto de senfruktaj provoj, atingi la ekonomian kunlaboron de unu parto eĉ tie, kie estas jam ambaŭ interesitoj politike ligitaj.

Ni rigardu ankoraŭ, en kian staton venas la militindustrio post la konkludo de tiaj paktoj. Psikologie ĝi profitas multege jam el tio, ke ĝi forigas la atenton de amaso pri si. Pri la malarmado en tiuj paktoj tute ne povas esti parolate kaj tial la militindustrio facile, senĝene produktas pluen... La kontraktantoj simple garantias al si la pacon sen iu fakta garantio. Tiu garantio ekzistus sole en tio, se la armiĝado ĉesus !

Por ke la militindustrio faru la impreson de plej granda paca protektanto, ĝi kelkaloke — tute kompreneble — akceptis, per mirinda trankvilo, la decidojn, laŭ kiuj estas malpermesata la eksporto de ĉiuj armiloj. Tiu, por laiko, ĝojiga aperaĵo, signifas nur sablo-ĵeton en la okulojn. La militindustrio scias elturniĝi el ĉiu situacio. Tiel ĝi fondas siajn entreprenojn tie, kie ĝi ne devas eksporti.

El la ekonomia vidpunkto rigardite, la paktomanio havas certajn bonajn sekvojn. Malgraŭ tio, ke neniu kredas pri la daŭro de paktoj, kiujn oni hodiaŭ fiksas, *ili tamen signifas*

# TUNIZIO

Dank' al sia ideala situacio, Tunizio povis iam, en antikvaj tempoj, ludi gravan rolon, tiun de la hodiaŭa Eŭropo. Tie decidiĝis tiam gravaj politikaj okazintaĵoj, kiuj influadis la tiaman mondon.

La antikvaj berberaj popoloj estis venkitaj de fenicoj en la naŭa jarcento a.K. Estas ili, kiuj kreis ĉi tie la komercan havenon kaj la unuajn industriojn de Kartago. Kartago! La granda nomo en la historio. La militoj, invadoj, brulpunoj neniigis la pompe luksan metropolon de Amilkaro kaj Hanibalo, la romanan ĉefurbon en Afriko.

Romo atingas potencon, sinetendas ĝis Afriko kaj dum la punicaj militoj, en la jaro 146 a.K., ĝi detruas Kartagon.

Dum la romana epoko, en la tempo, kiam legioj kolonias tiun landon, venas denove pli prosperaj tempoj por tiu tero. Sed kiam la centra povo de la Roma Imperio malfortiĝis kaj ekregis anarĥio en tiu malproksima provinco, la vandaloj enpenetras ĝin, detruas la urbojn kaj la rekonstruitan Kartagon (439).

La bizantia rekonkero kaj la imperiestroj de Konstantinoplo ne sukcesis longe defendi la landon kontraŭ la araboj.

Sidi Okba, kiu konis Mahometon, kreas en la jaro 666 la urbon Keruan, kiu fariĝas unu el la religiaj urboj de Islamo. El Oriento venas nun la lumo. La indiĝenaj berberoj akceptas la mahometanan religion kaj la araban lingvon.

Prosperas Tunizio, sed en la 16-a jarcento paŝtista popolo venanta el Egiptujo invadas ĝin ruinigante kaj dezertigante ĉion survoje.

Kaj ne plu kapablas rekonstruiĝi la lando.

Nur ĉeborde kelkaj urboj vivetas, kie sin aventuras diversaj komercistoj-piratoj kaj korsaroj.

Kiam la francoj en 1881 okupis Tunizion kaj subskribis kun la bejo *Konvencion* por « malhelpi por ĉiam la malordon, kiu okazis sur la limoj de la du ŝtatoj », tiam Tunizio troviĝis en mizera stato.

Francujo per tiu Konvencio el 1881 plifortigis la antaŭajn traktatojn de paco, amikeco kaj de komerco kun Tunizio.

Por povi defendi ordon kaj la sekurecon la francoj havis la rajton okupi la strategiajn punktojn per siaj soldatoj. Francujo garantiis la defendon de la dinastio, de ĝiaj ŝtatoj kaj de ĉiuj ekzistintaj traktatoj kun aliaj eŭropaj potencoj.





Tipaj bildoj de Tunizio

Rekompence la bejo devigis sin ne fari kiun ajn internacian agon sen antaŭe informi pri tio la francan registaron.

Tiu franca Protektorato helpis al plibonigo de la ekonomia stato de Tunizio. Dank' al franca laboro la prospero kaj la sekureco ekregis en ĉiuj ĝiaj anguloj.

Post nur mallonga vizito de Tunizio oni konstatas tre energian kaj imponan progreson. Oni admiras la konstruon de pluraj modernaj havenoj : Tunizo, Sousse, Bizerte. Ili faciligas la eksporton de la plej grava riĉeco de tiu lando : fosfato, oleo, vino.

---

*almenaŭ la prokraston de minacanta konflikto* ! Dependas de optimismo, respektive pesimismo, de popoloj, kiel ili taksu la epokon de tiu ĉi prokrasto. Psikologie plej grandan sukceson havas tiuj paktoj sendube ĉe simpla homo, kies moralo estas sufiĉe alta kaj kiu kredas je sincereco de paktosubskribintoj. El tio devenas la impreso, ke la ekonomia vivo lastatempe komencis « firmiĝi », se ni povas kredi al statistikistoj.

Sed sincere dirite: *La mondmilito daŭras ankoraŭ nuntempe sur la ekonomia kampo* ! *Kaj ni devas konfesi, ke ni nur vivas en seninterrompa epoko de interpaco, kies fino ne estas videbla...*

J.K. Belltyn.

Oni admiras la sukceson de neesperita fakto : la replantigon de la dezerta, de jarcentoj nekulturita tero. Hodiaŭ jam en multaj partoj verdas per belaj ĝardenoj kaj grizeverdaj olivarbaroj.

Ĉu mi aldonu, ke ni vizitis Tunizion en tre komfortaj vagonoj, en plej modernaj aŭtoĉaroj sur bonegaj vojoj, kiuj kondukas vin funde en la oazojn kaj dezerton ? Ke ĉie, sur ĉiu paŝo, eĉ tie en oazoj, vi trovas franc-arabajn lernejojn kaj tute modernajn hospitalojn por indiĝenoj ?

Kaj se oni pripensas, ke forkalkulante la jarojn de la milito kaj de la tutmonda krizo, estas apenaŭ 25-30 jaroj, dum kiuj daŭras tiu renaskiĝo sub la franca protektorato, ni povas diri, ke grandioza estas la jam farita laboro.

La francoj sukcesis, dank' al sia komprenemo influi feliĉe la indiĝenojn, kiuj volonte kaj fervore kunlaboras en tiu rekonstruo, kiu ja pliprosperigas nur ilin mem.

Kun surprizo mi konstatis, ke malĝusta estas la diro pri la mallaboremo de la araboj. Almenaŭ ĉi tie, eble sub la influo de la diversa rasmikso, la indiĝenoj estas laboremaj. Ne nur laboremaj, sed ankaŭ tre inteligentaj kaj spritaj.

Apenaŭ estas imageble, kiom da sindono, kiom da bonvolo kaj pacienco estis necesaj por povi elpersvadi al tiu konservativa popolo, por ke ĝi sekvu la novajn elprovitajn metodojn de agrokulturado.

Kun atento la indiĝenoj sekvas la konsilojn de la eŭropanoj.

Ili volonte sendas siajn filojn al la agrikultura lernejo, kaj la franca protektorato faras ĉion eblan : per monprunta helpo, per disdonado de semoj, per ĉiaspecaj konsiloj kaj studaj observadoj, por ke la agrikulturo pliboniĝu.

La franca politiko atingis frapajn sukcesojn en la intima kunlaboro de la eŭropa kaj la indiĝena loĝantaro.

Je ĉ. 2,200,000 indiĝenoj estas ĉi tie 195.000 diversnaciaj eŭropanoj.

La eŭropanoj per oftaj miksaj geedziĝoj, per lernejo, per konstanta kontakto formos baldaŭ ian novfrancan afrikan rason.

La mahometanoj — cetere ankaŭ diversrasaj — vivas en siaj blankaj urboj, ĉirkaŭitaj per altaj muroj, kiuj estas la sola ekstera restaĵo de iama araba potenco.

Penetrante tien vi troviĝas tuj en alia mondo. Aliaj kutimoj, aliaj moroj, alia vivo, alia spirito.

En la mallarĝaj stratetoj, inter muroj kun malgrandaj kadroj-fenestretoj, vi ĉiam sentas la forecon de la muzulmana animo, kiu troviĝas, tie, en la mezo de sia hejmo, kien vi ne povas penetri, kien li ne allasas vin.

Vi scivole serĉas enpenetri, enprofundiĝi tiun misteran vivon, tiujn misterajn homojn. Sed ĉiam senespere.

Io mistere-mistika ŝvebas en la aero, kion vi ne sukcesas kompreni kaj klarigi.

Kaj tamen vi konscias kaj konstatas, ke la ĉi tiea blankrasa mahometano estas pli proksima, pli facile komprenebla al vi okcidentano, ol la azia.

Vi vidas en persona kontakto, post multaj konversacioj kun la elito de tiuj indiĝenoj, ke vi havas antaŭ vi homojn, kiuj gajnas tuj vian simpation.

Vi observas en ili tiun eternan lukton inter la tradicio kaj la progreso.

Vi konstatas, ke tiu trea modernigo en multaj islamidaj landoj profunde maltrankviligas la mahometanan animon.

Kurioza lando, kie postrestas tiom multaj monumentoj el la pasintaj gloraj tempoj de ĝia miljara historio.

Neforviŝeblaj estas la impresoj el la dezertoj kaj paradizaj oazoj, kie karavanoj serĉas ripozon kaj refreŝigon.

Restos por ĉiam bildoj, kiujn en rapida vizito kaptis via okula lenso : belstaturaj berberinoj kun akvokruĉoj ĉe l'solecaj putoj, la nomadaj karavanoj sur la sablaj plataĵoj, la belaj palmoj kun siaj piedoj en la akvo kaj la kapoj al la suno, la olivarbaroj, kiuj nun ĉiam pli ofte elkreskas el la ŝvite prilaborita tero, la multkoloraj ŝaloj, tapiŝoj kaj kusenoj en la arabaj foiroj kaj subarkaj butikoj, la orientaj kafejoj, la ventrodancistinoj kaj serpento-allogantoj sur la publikaj placoj, flavaj turbanoj, ruĝaj fezoj, blankaj manteloj, la nigre vualitaj virinoj...

Oriento...

S. Grenkamp.

## NOVAJ LOKONOMOJ EN ESTONIO

Dum la tempo, kiam Estonio estis ankoraŭ provinco de granda Rusujo, oni konis eksterlande kelkajn estonajn urbojn kaj insulojn sub aliaj, ne estonaj nomoj. Ĉar nun estas oficiale uzataj estonaj nomoj, mi konigas ilin ĉie tie al alilandaj esperantistoj :

Urboj :

| Nunaj nomoj : | Estintaj nomoj : |
|---|---|
| Haapsalu | Hapsal, Gapsal |
| Kuressaare | Arensburg |
| Narva Jõesuu | Hungerburg |
| Paide | Weissenstein |
| Paltisei | Baltiski Port, Baltisch Port |
| Petseri | Petŝory, Petschur |
| Pärnu | Pernov, Pernau |
| Põltsamaa | Oberpalen |
| Rakvere | Wesenberg |
| Tallinn | Revel, Reval |
| Tapa | Taps |
| Tartu | Dorpat, Derpt, Jurjev |
| Türi | Turgel |
| Valga | Walk |
| Viljandi | Fellinn |
| Võru | Werro |

Insuloj :

| | |
|---|---|
| Hiiumaa | Dago |
| Muhumaa | Moon |
| Naisaar | Nargen |
| Ruhno | Ruhnu |
| Saaremaa | Ösel, Oesel |
| Vormsi | Vorms. |

J. V.



Dro. L. L. Zamenhof

# JE LA MORTO-TAGO DE D-ro L. L. ZAMENHOF

## 14 aprilo

**Memoru silente momenton, kara leganto, pri grandulo, kiu jam ne plu estas inter ni. Kiu forlasis nin, kiam la malfeliĉego de l'mond-milito regis ĉirkaŭ ni. Kiam malcerteco gvidis nian sorton. Je tiu tago oni fermis la tombon de homo, kies ripozejo eterna fariĝis jam pilgrim-loko de la esperantistoj. De tiu idealisto, kiun ni nomas "la Majstro", sed kiu ĉiam restis viro modesta. Kiu ne kredis pri utopio, sed laboris reale por la feliĉo de la homaro. Kiu donacis al ĝi mirindan helpilon por la interkompreno, la internacian lingvon. Kiu laboris por ni kaj la venontaj generacioj. Ĉar li estis geniulo. Al kiu ni ŝuldas tiom da danko kaj admiro. Pensu pri li por edifo. Kaj lia spirito kondukos plue vian senhaltan agadon por nia komuna celado.**

**Robert KREUZ.**

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

La Nederlanda fervoja administracio oficiale permesis, ke en ĉiu stacidomo estu fiksata ŝildo kun verda stelo kaj adreso de la loka delegito de U.E.A.

Okaze de la 27a Universala Kongreso de Esperanto en Italujo, la itala stacio Radio-Romo de (Kaj ĉiuj relajsoj), regule dissendas en itala lingvo kaj en Esperanto ĉiun lundon kaj ĉiun vendredon de 18.30 ĝis 18.40 h. (MET.)

La granda germana ŝip-kompanio, „Norddeutscher Lloyd" en Bremeno, ĵus eldonis denove 14 paĝajn ilustritan prospekton en Esperanto por diskonigi siajn regulajn vojaĝojn de plezuro kaj refreŝigo.

— D-ro Locard, direktoro de la polic-tekniko laborejo en Lyon, konata sciencululo, akceptis la kunredaktorecon por vortaro franca-esperanta por la polica kampo.

— Per reskripto P.D.Z. 159.365/23.11.34, la Poŝta kaj Telegrafa Direkcio en Vieno rekomendis al ĉiuj funkciuloj la lernadon de Esperanto. La Konfederacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko (Ĝenerala Direkcio de la Poŝt- kaj Telegraf-administro) jam per pli frua dekreto faris same.

— La 5 aprilo la radio-stacio Brno disaŭdigis en Esperanto la ĉarman ĉeĥan operon « La vendita fianĉino » de Smetana. La prezentado estis grandega sukceso. Ĝi ravigis la aŭskultintojn, kiel pruvis arego da gratul-leteroj, ricevitaj de la stacio el multaj landoj.

— Jam de kelka tempo estas organizita aŭstria peresperanta radio-servo por la eksterlando. La radio-stacio de Vieno disaŭdigas paroladojn pri Aŭstrio kaj aktualaĵojn ĉiun merkredon je la 22, 20 h.

— La inspektorejo de la alpo-poŝtlinioj de Svislando eldonis denove 6-paĝan ilustritan prospekton pri la pasaĝera aŭtomobil-servo en la svisa alparo.

— La hispana skolta organo « Kim » en Zaragozo regule publikigas paĝon pri la Esperantista skolta movado.

— La jugoslava skolta revuo « Skautski Glasnik » aperigas regule Esperantan rubrikon.

— Ĵus aperis 4-paĝa ilustrita prospekto pri la Universala kaj Internacia Ekspozicio en Bruselo en 1935, eldonita de la ekspozicia direkcio.

### Radio kaj Esperanto en Brazilo

Dum la jaro 1934 « Radio Club do Brasil » diversfoje disradiis notojn pri Esperanto kaj diskojn kun la himno « La Espero » kaj kantoj en Esperanto.

Ĝia oficiala organo « Antenna » publikigis multajn notojn pri Esperanto kaj la portreton de la prezidanto de B.L.E.

Tiuj diskoj estas ankaŭ disaŭdigitaj de la radiostacioj « Radio Sociedade Mayrink Veiga » kaj « Sociedade Radio Educadora do Brasil ».

La 14 Februaro 1935 okazis ĉe « Radio Clube do Brasil » esperantista duonhoro, dum kiu faris saluton al la brazila esperantistaro s-ro prof. Agostino Stellacci, kapelano de la itala motorŝipo « Neptunia ». Poste estas disaŭdigita la esperantista muzikprogramo.

### Svisa poŝto kaj Esperanto

La inspektorejo de la alpaj poŝtlinioj de Svislando en Berno aperigis, post iom da interompo, denove 6-paĝan ilustritan prospekton pri sia pasaĝera poŝt-aŭtomobila servo en la svisa alparo. La eldono imprese presita, estas titolita « Svislando — Alpo-poŝtaro — Somero 1935 ». Ĉi tiu sukceso estas ŝuldita al klopodo de la prezidanto de l'Esperanto-societo de Berno, S-ro G. Rotach, kiu ankaŭ faris la tradukon. Petoj por sendo de l' prospekto kaj gratul-leteroj devas esti adresataj al General-Postdirektion (Postkursinspektorat) Bern.

## ESPERANTO ĈE LA NEDERLANDA POŜTO

Laŭ artikolo 104 de la Kolektitaj Reguloj de la nederlandaj ŝtatinstitucioj de PTT, parto l, la elpendigo de afiŝo ,,Oni parolas Esperanton'' ĉe la poŝtgiĉetoj estas allasita. La afiŝo restas dum la dejortempo de la oficisto, kiu parolas nian lingvon. La nederl. societo ,,Leen'' estas oficiale informita pri tio per letero de la ĉef-direkcio, Nro. 28.669/12.11.34.

Ni povas hodiaŭ publikigi la unuan bildon de giĉeto kun tia afiŝo.




Kiu kuraĝas diri, ke la nederlanda poŝto ne estas progresema ?

## ESPERANTO ĈE LA BRAZILA POŜTO




Sekvante la ekzemplon de Liĥtenŝtejno kaj Hungarujo, Brazilo, kiel konate, eldonis of. poŝtkartojn kun bildoj kaj klarigoj en portugala kaj esperanta lingvoj. Nun, kiel unua, la brazila poŝta administracio, enkondukis Esperanton ankaŭ en la servon de la poŝta turisma reklamo per stampoj. Nia bildo montras reklaman tekston dulingvan pri Rio de Janeiro kiel turisma urbo.




La dua stampo estas farita okaze de la Internacia Specimena Foiro de Rio de Janeiro kaj estas nur en Esperanto. Miloj da poŝtajoj diskonigis la reklamon de la stampoj tra la tuta mondo.

## KRONIKO

*Barreiro.* — La « Progresemaj Amikoj », sub la gvido de aktivaj samideanoj, konstante pligrandigas la movadon. La Delegito de UEA, S-ro Prates, kaj aliaj, kiel Manuel Firmo, Joao do Carmo, Gilberta Valerio, senlace laboras. La societo havas jam pli ol tricent membrojn. (Kiom da ili apartenas al UEA ? La Redakcio).

*Lisboa.* — La movado neniam estis tiel vigla. Multaj kursoj funkcias en « Antaŭen », « Fratiga Stelo », Ligo de l'Okcidentaj Esperantistoj», «Nova Vojo», «Popola Universitato », Komerca Lernejo de Veiga Beirao » « Komerca Lernejo de Rodrigues Sampaio», «Touring Club do Portugal», « Portugala Radio Klubo », « Asilo-Escola Antonio Feliciano de Castilho » « Portugala Instituto de Esperanto » k.a. La libroserĉado en Parceria Antonio Maria Pereira-Rua Augusta kaj en Papelaria da Moda — Rua do Ouro estas vere interesa kaj montras la disvolviĝon de la ideo. Papelaria da Moda ĵus eldonis dekdupaĝan katalogon. Petu specimenon.

*Porto.* — Antaŭe, kiel gvidanto, estas Dro. Jorge Santos. Multaj helpas. S-ino D-ro Leopoldina Mesquita paroladis pri « Paco kaj Esperanto ». Fondiĝis « Porta Rondeto ». S-roj Proença kaj Moreira da Silva denove aktiviĝis. F-ino Natalina Bastos kaj S-ro Manuel de Freitas gvidas kursojn. « Monumental Café » estas vera Esperanta Kafejo. Ĉiujn jaŭdon kaj dimanĉon la orkestro ludas « La Esperon ».

*Funchal (Madeiro).*— Tri ĵurnaloj presigas kursojn de Esperanto, dank' al la klopodoj de S-ro Lourenço de Gouveia, la ĉefa gvidanto de la movado en tiu ĉi insulo.

*Ponta Delgada (Acoroj).*— La posteulo de nia Eks-Delegito Inĝ. Frederico de Serpa, D-ro Lucio Sant'Anna de Miranda, entuziasme komencis sian Esperantan laboron per tre interesa kaj sukcesplena parolado.




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## GRAVA AVIZO

La L.K.K. komunikas al ĉiuj samideanoj, kaj precipe al la Kongresanoj, de la 27a la jenon :

Post 6 semajnoj de la dato, je kiu ni estis subskribintaj la regulan kontrakton kun la ŝipkompanio por la luo de la ŝipo « Leonardo da Vinci » por la Krozado, organizata de l'UEA-Turisma-Servo kaj ni estis tute regule perfektigintaj la kontrakton mem, per la pago de la koncerna mono, tute neatendite, la ŝipkompanio informis nin, ke verŝajne ĝi ne povos havigi al ni la ŝipon mem en plena ordo je la difinita epoko de la Krozado.

Ni rapidis klopodi ĉe la ŝipkompanio por atingi, se eble, la regulan plenumon de la kontrakto. Post kelka tempo ni devis konvinkiĝi, ke per la ŝipo « Leonardo da Vinci » ni kredeble ne povos plene garantii al la samideanoj la efektivigon de la Krozado. Ni decidis tuj serĉi alian ŝipon.

Pro la jam tre malfrua epoko, tia serĉado estis eksterordinare malfacila. Nur nia arda deziro certigi la tutan disvolviĝon de la grandioza kongresa programo, kaj, spite la plej gravajn malfacilaĵojn, kontentigi la sopiron de pluraj centoj da geamikoj, jam aliĝintaj al la Krozado, permesis al ni superi ĉion. Kun la afablega helpo de la Prezidanto de UEA mem, ni ĵus sukcesis trovi *novan ŝipon :* tiu ĉi ŝipo, same kiel la antaŭa, estos je plena dispono de la esperantistoj kaj speciale luita por ili.

## “SINAIA”

jen la NOVA PLI GRANDA ŜIPO por la Kongresa Krozado « Al Afriko ».

Tiu ĉi ŝipo, kies grandeco estas pli ol duobla ol tiu de la antaŭa, prezentas la avantaĝon, ke ĝi havas ankaŭ pli da lokoj, precipe en kelkaj kategorioj. Ĝi prezentas plurajn kajutojn de luksa klaso ; kaj en ĉiuj kajutoj estas aparta lavujo. La kajutoj estas ĝenerale pli vastaj kaj pli komfortaj.

Ĉar kompreneble la dismeto de la lokoj sur la du ŝipoj estas malsama, ni devis aranĝi *novan tabelon de kategorioj kaj prezoj.*

*Malgraŭ la plia kosto, la prezoj estas nur preskaŭ nerimarkeble altigitaj,* por la landoj je libera valuto : por la landoj kiuj suferas pro pago-malfacilaĵoj, *la prezoj restas senŝanĝaj.*

1. *Landoj kun pagolimigo al eksterlando.*

Por mendi lokon, oni sin anoncu al « Esperanto-Centro Itala », Galleria Vittorio Emanuele 92, *Milano.* Oni ne forgesu indiki tute precize kian kategorion oni elektis, laŭ la suba tabelo. Oni indiku alian preferatan kategorion, por la kazo, se ĉiuj lokoj en la kategorio mendita intertempe pleniĝis.

Samtempe kun la mendo oni sendu unuan garantian pagon da 200 italaj liroj al la poŝtĉeka konto 3/18715, *Milano,* aŭ per ĉeko al la supra adreso. La kompletigon de la pago oni sendu nepre antaŭ la 20 junio 1935.

*Nova tabelo de kategorioj kaj kotizoj por la 7-taga krozado, de Napoli al Malta-Tripoli-Palermo-Genova* (10-17 aŭgusto 1935).

N. B. — Estas en la tabelo nur la kategorioj, kie restas ankoraŭ lokoj liberaj. La kajutoj el kategorioj A, AA, B, C, D, DD, E, EE, nome tiuj je malalta prezo (de 412 ĝis 590 liroj), ne plu estas haveblaj. — Pleniĝitaj estas ankaŭ la lokoj en ĉiuj dulitaj kajutoj (kategorioj G, I, k.c.) kaj en la unulitaj. — Luksa kategorio KK ne ekzistis en la antaŭa ŝipo.

| Kategorioj : | | Plena kotizo *Italaj Liroj* | Kotizo por kongresano *Italaj Liroj* |
|---|---|---|---|
| Unu loko en kategorio : | | | |
| S : | Salono kun multaj litoj ... | 375.— | 355.— |
| F : | Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso interna .......... | 640.— | 612.— |
| FF : | Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso ekstera .......... | 658.— | 630.— |
| HH : | Kajuto kun 3 litoj, unua klaso ekstera .......... | 710.— | 670.— |
| KK : | Kajuto kun 3 litoj, luksa klaso ekstera .......... | 780.— | 730.— |

*Nova tabelo de kategorioj kaj kotizoj por la 9-taga krozado, de Genova al Napoli-Malta-Tripoli-Palermo-Genova* (9-17 aŭgusto 1935).

Kelkaj samideanoj pro diversaj kaŭzoj ne povos partopreni la unuajn kongresajn tagojn en Firenze, Roma kaj Napoli : ili tamen ŝatos partopreni la Kongresan Krozadon « Al Afriko ». Anstataŭ atingi la ŝipon, kiel la aliaj, la 10 aŭgusto vespere en Napoli, ili povos enŝipiĝi en la saman ŝipon en Genova la 9 aŭgusto matene, kaj veturi per ĝi al Napoli. Ili restos du pliajn plenajn tagojn sur la ŝipo.

La partoprenantoj al la 9-taga Krozado de Genova, ricevos la vojaĝon de Genova al Napoli sur la ŝipo, la kvar manĝojn de la 9 aŭgusto kaj la kvar manĝojn de la 10 aŭgusto ; plie, ĉiujn aranĝojn de la 7-taga krozado. Ili ankaŭ partoprenos sen plia pago la Grandan Kongresan Ekskurson al Insulo Capri.

La kotizoj por la 9-taga Krozado estas plialtigitaj nur je 18% rilate al la korespondaj kotizoj de la 7-taga Krozado. (Antaŭe, ili estis plialtigitaj je 22%).

| Kategorioj | Plena kotizo *Italaj Liroj* | Kotizo por kongresano *Italaj Liroj* |
|---|---|---|
| Unu loko en kategorio : | | |
| S : Salono kun multaj litoj. . | 442.— | 419.— |
| F : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso interna ......... | 755. | 722.— |
| FF : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso ekstera .......... | 776.— | 743.— |
| HH : Kajuto kun 3 litoj, unua klaso ekstera . ........ | 838.— | 790.— |
| KK : Kajuto kun 3 litoj, luksa klaso ekstera . ........ | 920.— | 861.— |

2. *Landoj sen malfacilaĵoj pri moneksporto.*

La tabeloj en italaj liroj, supre presitaj, validas nur por la landoj, kie ekzistas malfaĉilaĵoj koncerne sendon de mono.

Pro la fakto, ke la nova ŝipo apartenas al haveno de Marseille, ni bezonas altan sumon en francaj frankoj. Pro tio ni fiksis tabelojn de kotizoj en francaj frankoj por la landoj je libera valuto.

Plie, pro la multe pli alta kosto de la ŝipo, ni devis iomete altigi la kotizojn en francaj frankoj. La kotizojn en liroj ni, kontraŭe, ne altigis, kaj ili validos nur por la samideanoj, kiuj devas porti penadon kaj plian koston nur por la ekspedo de mono al ni ; kaj ankaŭ la fakton, ke ĝuste pro tiuj malfacilaĵoj, tiuj samideanoj ne povis grandparte aliĝi frue, kaj devis perdi la bonajn lokojn, la favoraĵojn kaj rabatojn de fru-aliĝinto. Ni opiniis juste, konsenti al tiuj landojetan privilegion.

Ni atentigas, ke la prezoj en italaj liroj *ne estas egalvaloraj* al tiuj en francaj frankoj, sed *plifavoraj* je kelkaj procentoj.

*Aliĝontoj al la turismaj aranĝoj el:*

Belgujo — Britlando — Danlando — Francujo — Finlando — Hispanujo — Nederlando — Norvegujo — Svedlando — Svislando — kaj ĉiuj aliaj je libera valuto

*devos pagi laŭ la subaj tabeloj en francaj frankoj al nia konto en Parizo.* (Vidu sube).

Ni ne dubas, ke niaj gesamideanoj el landoj je libera valuto, volonte akceptos tiun ĉi decidon de UEA (Turisma Servo), montrante per tio sian komprenemon al la gesamideanoj, kiuj — malgraŭ ĉia bonvolo — pro superaj cirkonstancoj renkontas gravajn malfacilaĵojn por partopreni la Kongresan Feston !

*Nova tabelo de kategorioj kaj kotizoj por la 7-taga krozado, de Napoli al Malta-Tripoli-Palermo-Genova* (10-17 aŭgusto 1935).

| Kategorioj | Plena kotizo *Francaj Frankoj* | Kotizo por kongresano *Francaj Frankoj* |
|---|---|---|
| Unu loko en kategorio : | | |
| S : Salono kun multaj litoj . . | 510.— | 480.— |
| F : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso interna ........ | 865.— | 830.— |
| FF : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso ekstera ........ | 890.— | 850.— |
| HH : Kajuto kun 3 litoj, unua klaso ekstera ........ | 955.— | 905.— |
| KK : Kajuto kun 3 litoj, luksa klaso ekstera ........ | 1050.— | 985.— |

*Nova tabelo de kategorioj kaj kotizoj por la 9-taga krozado, de Genova al Napoli-Malta-Tripoli-Palermo-Genova* (9-17 aŭgusto 1935).

La kotizoj estas plialtigitaj rilate al la korespondaj kotizoj por la 7-taga Krozado nur je 18%.

| Kategorioj | Plena kotizo *Francaj Frankoj* | Kotizo por kongresano *Francaj Frankoj* |
|---|---|---|
| Unu loko en kategorio : | | |
| S : Salono kun multaj litoj | 602.— | 566.— |
| F : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso interna . . | 1.020.— | 980.— |
| FF : Kajuto kun 4-6 litoj, dua klaso ekstera . . | 1.050.— | 1.003.— |
| HH : Kajuto kun 3 litoj, unua klaso ekstera . | 1.127.— | 1.067.— |
| KK : Kajuto kun 3 litoj, luksa klaso ekstera . | 1.240.— | 1.162.— |

La kotizojn en francaj frankoj oni bonvolu pagi al nia kongresa konto en Parizo : poŝtĉeka konto nº 855-35 sub nomo « Société Française Propagation de l'Esperanto », 23, rue Notre-Dame-des-Victoires, Paris 2e ; aŭ oni sendu ĉekon al ĝia Sekretario, S-ro P. Petit, 59, rue Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine), klare indikante, ke la pago rilatas la 27an Kongreson.

Samtempe, oni skribu al « Esperanto-Centro Itala », Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano, anoncante la faritan pagon kaj detale klarigante la kialon de la pago mem.

Por mendi lokon oni sendu al Parizo la tutan sumon aŭ almenaŭ unuan garantian pagon de 250 francaj frankoj. La kompletigon de la pago oni sendu tien antaŭ la 20 junio.

3. *Vojaĝo « Tra Italujo ».*

Saman proceedon oni bonvolu, el la supre indikitaj landoj, apliki por la aliĝo al vojaĝo « T », kies prezo estas fiksita en francaj frankoj 650.—.

La unua garantia pago por aliĝo al ĉi tiu vojaĝo estas ankaŭ 250 francaj frankoj.

# La estontaj Milionuloj de la 27-a !

Kiel anoncite jam en la lastaj monatoj de la pasinta jaro, kaj klarigite en la Dua Oficiala Komuniko de la L.K.K. (aperinta en n-ro 2(414) Februaro 1935 de « Esperanto » de Genève, la L.K.K. — plenumante sian promeson — metas po unu sesonon de bileto de la *Loterio de Tripoli*, kies lotumoj estas baldaŭaj, je dispono de tiuj aliĝintoj al la Kongresa Krozado, kies aliĝo alvenis al ni antaŭ la fino de februaro 1935.

La aliĝintoj, kies plena pago aŭ garantia partopago alvenis antaŭ 28.2.35 estas metitaj en la liston laŭ ordo de aliĝo. La nomon antaŭas la Kongresa numero, kiu utilos, pere de la regula aliĝilo, por klarigi la dubajn identecojn en okazo de samaj nomoj aŭ preseraroj en la indiko de la nomoj mem. Sekvas la numero de la bileto, kies sesono apartenas al la koncerna Kongresano (sub kondiĉo ke nenia repago estu farita, nek plena, nek parta, kaj ke la Krozado ne estu nuligita pro supera forto). La bileto mem restos en depono ĉe « Esperanto-Centro Itala » en Milano : en okazo de venko, la premioj estos enkasigotaj de ĝi, kaj, post

plena reguligo de ĉiuj formalaĵoj, inkluzive de la pago de ĉiuj rektaj kaj nerektaj impostoj, kiuj eventuale devenos de la gajno, estos je ĝia zorgo dividotaj je sesonoj, kaj disdonotaj al la posedantoj. Tamen, la L.K.K. rezervas al si la rajton, reteni parton de la premioj, ĝis maksimume 10%, en okazo de deficito en la Kongresa Bilanco. La L.K.K. avertas, ke eble la prokrasto en la pagoj povos esti longa, pro burokrataĵoj neniel dependantaj de ĝi.

## Listo de la unuaj Krozadanoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | 141 | S-ro Malmgren, Stockholm | E / 21604 |
| 2. | 142 | S-ino Malmgren, Stockholm | I / 28806 |
| 3. | 26 | F-ino Cahen, Köln | E / 21603 |
| 4. | 63 | S-ro Mooij, Den Haag | E / 21658 |
| 5. | 97 | S-ro Aron, Koenigsberg | I / 28805 |
| 6. | 98 | S-ino Aron, Koenigsberg | E / 21607 |
| 7. | 101 | S-ro Murat, Teplitz-Schönau | I / 28803 |
| 8. | 102 | F-ino Czeika, Turn-Teplitz | E / 21651 |
| 9. | 112 | S-ro van Bellen, Den Haag | E / 21602 |
| 10. | 71 | F-ino Cipera, Pilsen | E / 21601 |
| 11. | 116 | F-ino Cipera, Pilsen | E / 21605 |
| 12. | 126 | S-ro Kastelein, Dordrecht | I / 28802 |
| 13. | 127 | S-ino Kastelein, Dordrecht | D / 15030 |
| 14. | 106 | F-ino Adamson, Koenigsberg | D / 15028 |
| 15. | 139 | F-ino Smith, Ipswich | E / 21649 |
| 16. | 138 | S-ino Blacklock, Ipswich | D / 15029 |
| 17. | 135 | S-ro Goodes, Romford | E / 21656 |
| 18. | 124 | S-ro Poncza, Ropice 64 ad Ĉ. | E / 21655 |
| 19. | 324 | S-ro Jung, Köln | E / 21653 |
| 20. | 325 | S-ino Jung, Köln | D / 15031 |
| 21. | 161 | S-ino Moreau-Charmasson, Orléans | D / 15034 |
| 22. | 162 | F-ino Luzeray, Orléans | E / 21654 |
| 23. | 47 | S-ino Staes, Koekelberg-Bruxelles | E / 21652 |
| 24. | 48 | F-ino Staes, Kœkelberg-Bruxelles | E / 21606 |
| 25. | 6 | S-ro Canuto, Torino | E / 21660 |
| 26. | 168 | S-ro Canuto, Torino | E / 21650 |
| 27. | 169 | S-ro Arabeno, Genova | D / 15033 |
| 28. | 177 | S-ro Migliorini, Roma | D / 15036 |
| 29. | 114 | S-ro Mondini, Trento | D / 15035 |
| 30. | 8 | S-ro Clavenna, Sampierdarena | I / 28804 |
| 31. | 38 | S-ro Ravestein, 's-Gravenhage | I / 28807 |
| 32. | 39 | S-ino Ravestein, 's-Gravenhage | I / 28811 |
| 33. | 88 | S-ro Allocchio, Milano | E / 21659 |
| 34. | 184 | S-ro Naster, Leuwen | I / 28812 |
| 35. | 185 | S-ro Roux, Orléans | I / 28810 |
| 36. | 165 | S-ro Rivier, Nice | D / 15032 |
| 37. | 9 | S-ro Petit, Rosny-s.-Bois | E / 21657 |
| 38. | 186 | S-ino Petit, Rosny-s.-Bois | I / 28809 |
| 39. | — | F-ino Corner, Venezia | I / 28801 |
| 40. | 105 | S-ino Korndorffer van Benten, 's-Gravenhage | I / 28808 |
| 41. | 93 | S-ro Bertoletti, Milano | E / 21651 |
| 42. | 208 | S-ro Lund, Köbenhavn | E / 21649 |
| 43. | 215 | S-ro Beckman, Karlskrona | E / 21605 |
| 44. | 276 | F-ino Viidas, Nômme | E / 21606 |
| 45. | 275 | F-ino Viidas, Nômme | E / 21660 |
| 46. | 170 | S-ro Steinkellner, Knittelfeld | E / 21650 |
| 47. | 244 | F-ino Lörtscher, Herisau | D / 15033 |
| 48. | 17 | S-ro Bernard, Bois-Colombes | D / 15036 |
| 49. | 77 | S-ro Bernard, Bois-Colombes | D / 15033 |
| 50. | 76 | S-ino Bernard, Bois-Colombes | D / 15028 |
| 51. | 75 | F-ino Bernard, Bois-Colombes | I / 28802 |
| 52. | 2 | S-ro Bastien, Paris | I / 28810 |

*(Daŭrigota).*



## Esperantista Lingva Komitato

## Akademio

Oficialaj Sciigoj de la Akademio

(N° 8 — Marto 1935)

Sekretario :
S-ro R. de Lajarte
4, Villa d'Orléans,
Fontenay-sous-Bois (Seine)
(Francujo).

*Elektoj en la Lingvan Komitaton.*

1. Eliris, la nunan jaron 1935, ĉar finiĝis ilia naŭjara periodo : *S-ino Helmi Dresen*; *S-roj Ĉernohvostov, Döhler, Ellersiek, Grau-Casas* (Jaume), *Karolczyk, Kreuz, La Colla, Scott, Stroele, Waringhien.*

*Ili ree sin prezentis kaj estas reelektitaj.*

Bedaŭrinde, lastmomente, mi sciiĝis el Usono, ke *S-ro Scott*, mortis, la 20 Januaro, pro aŭtomobila akcidento. Ni prezentas al lia familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

2. Eksiĝis propravole *S-roj Reed* kaj *Grau-Casas* (Jaume). Estis konsiderita kiel eksiĝinta *S-ro Underhill* pro nenia respondo al rekomendita letero.

3. Mortis *D-ro Leono Zamenhof*, korespondanto de la Akademio por la pola lingvo. Lin jam anstataŭas en tiu lasta ofico lia nevino, *F-ino Lidja Zamenhof*. Laŭ la regularo, ŝi estis prezentita por elekto kiel L.K. — anino kaj *estas elektita.*

4. Por anstataŭigi *S-rojn Reed* kaj *Underhill* estis prezentitaj de la « Esperanto-Asocio de Nordameriko » *S-roj Kenngott*, profesoro ĉe la Texas-a Universitato, kaj *Joseph Scherer*, la bone konata prelegisto el Los Angeles. *Ambaŭ elektitaj.*

5. Por anstataŭigo de *S-ro Grau-Casas (Josep)* la « Kataluna Esperantista Federacio » prezentis *S-ron Alberich Jofrè, kiu estas elektita.*

6. La « Centra Dana Ligo » prezentis *S-ron Paul Neergaard* kiel pluan reprezentanton de la *dana* lingvo kaj, siaflanke, la « Jugoslava Esperanto-Ligo », S-rojn profesoron *Rakuŝa* kaj *Rotkvić*, por reprezenti la *slovenan* kaj *serbakroatan* lingvojn, kiuj ĝis nun ne estis reprezentataj en la L.K. — Tiuj *tri* samideanoj *estas elektitaj.*

7. Kelkaj el niaj nederlandaj kolegoj proponis sian samlingvanon, *Fraton Wigbertus van Zon, kiu estas elektita.*

Resume, estas elektitaj *ok* novaj membroj, sed, ĉar, pro diversaj kaŭzoj, malaperis *kvar* membroj (ne kalkulante *S-ron Scott*), la L.K. pligrandiĝis laŭ nur *kvar* membroj kaj nun entenas 128 anojn.

Jen la rezultato laŭdetala de la baloto :

Voĉdonis : 77 membroj. Ricevis *F-ino Lidja Zamenhof*, 76 voĉojn ; *S-ino Helmi Dresen, S-roj La Colla* kaj *Waringhien*, 75 ; *Grau-Casas* (Jaume) kaj *Stroele*, 71 ; *Kenngott, Rakuŝa* kaj *Rotkvić*, 68 ; *Karolczyk* kaj *Kreuz*, 67 ; *Ellersiek*, 66 ; *Ĉernohvostov, Döhler* kaj *Neergaard*, 64 ; *Scherer*, 63 ; *Alberich Jofrè*, 61 ; *Scott* (I), 58 ; *W. van Zon*, 54.

La Prezidanto :
M. Rollet de l'Isle,
35, rue du Sommerard,
Paris (Ve).

# LINGVA PRAKTIKO

Meze de la lasta monato la membroj de la Esperantista Lingva Komitato estis invititaj voĉdoni pri la oficialigo de 25 vortradikoj, troveblaj en niaj grandaj vortaroj, aŭ uzataj de iuj esp. verkistoj kaj praktikistoj. La invito kaŭzis protestcirkulerojn de du LK-anoj, nome de S-ro Prof. D-ro Inĝ. R. Orengo, Milano kaj de S-ro Henriko Fischer en Bukuresto. Ambaŭ forte kritikis la metodon de la oficialigo intencita. Sed ili precipe elmontris la grandan danĝeron por nia lingvo, kiu rezultas el tia rapida oficialigo, kaj el la ŝarĝo per tiom da novaj vortoj kaj nuancoj proponitaj. Ni plene konsentas al ilia averto pri la granda danĝero, kiu minacas nian lingvon. Ni citas tie ĉi la vortojn, kiujn ili prave juĝas kiel superfluajn aŭ almenaŭ ne oficialigotajn, se ilia uzo en esp. ortografio estas allasebla laŭ §15 de la « Fundamento ». Ni aldonas en krampoj la vortojn, kiuj jam esprimas la samon.

*aperturo* (malfermaĵo), *aŭguri* (antaŭdiri, antaŭsigno, diveni), *aŭreolo* (nimbo), *grego* (brutaro, ŝafaro), *iniciativo* (iniciato), *iniciatoro* (iniciento), *monotona* (unutona), *renomo* (reputacio, famo, gloro), *strebi* (klopodi, aspiri, tendenci, emi, streĉe celi), *ŝrumpi* (kuntiriĝi, malŝveli, malgrandiĝi), *vivisekcio* (vivisekco).

La ceteraj vortoj kritikitaj necesigas, laŭ ni, plian esploron kaj studon, nome : *aplombo, bankiero, ingredienco, konduktoro, koncesio.*

Pri la senco de « *gramofono* » ne povas esti dubo.

Rilate « vinkto » (laŭ Verax) ni devas diri, ke teknikistoj jam de longe uzas la vorton « nito » (Komp. Pl. Vort., pĝ. 328) = metala ronda najlo, uzata por kunigi metalajn pecojn martele aŭ maŝine.

El la proponitaj 25 vortoj fine restas por oficialigo :

*Angoro* = 1. Malsaneca sento de sufoko kun korpremateco.
2. sento de sufoko, kaŭzata de timego, maltrankvileco a.s.

*Arbusto* = Arbeto malpligranda ol arbedo kaj kies trunko estas ligneca ĉe la bazo kaj herbeca ĉe la supro.

*Baledo* (ne baleto) = Teatra, senparola danco kun muziko kaj mimiko.

*Honorario* = Ne-perioda pago, kiu praktikas liberan profesion, ekz. advokato, kuracisto a.s.

*Susuri* = Eligi sonon malfortan kaj iom sekan, kiel de silko, ĉifita papero k.s.

*Vizio* = Imagata objekto, kiun aperigas aŭ dia revelacio aŭ iluzio de vidosento.

Pri la vortoj esplorotaj kaj studotaj ni volonte legos la juĝon de niaj legantoj.

Ni cetere ankoraŭfoje invitas ĉiujn kompetentulojn al kunlaboro en tiu ĉi rubriko.

**Korektigo**

En nia artikolo en la januar-numero « Fak-esprimoj pri Armbetono en sur- kaj subtera konstruado » okazis, en la alineo pri duoblaĵoj superfluaj, bedaŭrinda skrib-eraro. Ĝi estas simpla sekvo de ĉiutaga 3-lingva praktiko. La ekvivalento de « solivo » estas « plafontrabo » kaj ne « putro » (france poutre). « Putro » ja havas alian sencon en Esperanto. — (Vidu ankaŭ « strebo » = apogtrabeto.)

# Bibliografia Servo de UEA

Cajfonso : Ĉu vi parolas esperante ? Eldonis Ĥina mondlingva Librejo, 15 Shang Sieh Chiai, Peiping. 73 paĝoj. Formato 9,5 × 16,5 cm (1935 — 28).

J. Ishiguro. Praktika gvido de korespondo en Esperanto. Dua eld. 324 paĝoj. Formato 13,5 × 19 cm. Eldonis Yuseido, Jimbo -ĉo Kanda, Tokio. Prezo Sv. frk. 4.—. Afranko 10 % (1935 — 29.)

E. Drezen. Pri problemo de internacia de science-teknika terminaro. Trad. A. Samojlenko. Eldonis « Standartgiz kaj Ekrelo », Moskvo. 84 paĝoj. Formato 14,5 × 22 cm. Prezo ne-indikita (1935 — 30).

Helen S. Eaton : Comparative Frequency List. A study based on the first thousand words in English, French, Spanish and German Frequency Lists, by Int. Auxiliary Language Assoc. 415, Lexington Ave. New York City. Prezo ne-indikita.

Julio Baghy : Sur sanga tero. Literatura Mondo, Mester-u 53.V.5. Budapest. 264 paĝoj. Formato 12,5 × 17,5. Prezo broŝ. sv. frk. 4.—, bind. sv. frk. 5.50. Afranko 10 %. (1935 — 31.)

# Tra la libraro

(Daŭrigo)

La *Filozofia Vortaro* de Dro Stan. Kamaryt, bele presita kaj bindita libro, ne estas ia tradukvortaro, sed kolekto da artikoloj, kelkaj nelongaj, aliaj ampleksantaj unu aŭ pluraj paĝojn, pri ĉiuj ĉefaj vortoj uzataj en filozofio ; la tradukoj en lingvoj angla, franca, germana, kaj ĉeĥoslovaka estas nur utila apudaĵo, dum la detalaj klarigoj difinas, kiel eble plej precize, la sencon, la signifon de ĉiu radiko kun oftaj citaĵoj, ekzemploj, devenoj. La tuto formas, aboce ordigitan, veran resumon de la hodiaŭa filozofio ; ĝi koncize instruas multon ; ĝi povas esti utilega informilo por studemuloj kaj precipe en tiu fako, kie la vortdifinoj havas tian esencan gravecon. Oni devas serĉi por trovi nur kelkajn frazojn iom senbezone komplikajn aŭ kun vortordo ne tre logika. La redaktado de tia verko postulis grandan laboron de la aŭtoro ; tro modeste li sin nomas kompilinto. Nur fakuloj rajtus pri la difinoj mem, pri la eblaj mankoj ion kritiki, aŭ ankoraŭ diveni ian personan tendencon en kelkaj el la artikoloj, en tiuj rilataj al religio. Mi pensas, ke eĉ en multaj lingvoj naciaj oni ne posedas tian filozofian kompendion, kaj ke ni rajtas fieri pri tiu vortaro. De longe oni postulas sciencajn fakvortarojn ; D-ro Kamaryt donacis al ni tiun, kiu koncernas la pli altan, pli abstraktan parton de la homa pensado.

Verkon prisocian de belga profesoro Paul Gille (Paŭlo Ĵil) : *Skizo pri filozofio de la homa digno* tradukis kun sia kutima lerteco E. Lanti. Tiu tre abstrakta traktaĵo estos profite studata nur de personoj ne fremdaj al sociaj problemoj, kaj filozofia rezonado, ĉar « la originala teksto ankaŭ postulas kelkloke intelektan streĉon por esti komprenata ». La aŭtoro rigardas de supre la estontecon de l'homara progreso ; lokante sin je anarkista vidpunkto, li kulpigas, kiel ĉefajn malbonaĵojn de l'nuna socio : la ŝtaton kaj la monon, barojn unue detruendajn por plua irado al rego de racio kaj libero ; li arde pledas por la ideofortoj, pro la etiko en socia progreso de la mensaj konceptoj, de la rezona volo ; li akre atakas la historian materialismon kaj kontraŭidealismon de Marks, la empirisman pragmatismon de James, la mistikan intuicion de Bergson. Cetere, kiel ofte

okazas, ŝajnas ke la kritika negativa parto superas valore la konstruan pozitivan. Ke nia lingvo kapablas konigi monde tian skizon, tio pruvas ĝian por ĉio pretecon kaj la meritojn de l'tradukinto. Ĉi tiu opinias fetiĉon la respekto al skribo de l'propraj nomoj : «Kiuj konsideras la proprajn nomojn tabuoj, tiuj estas nur duon-esperantistoj kaj senkonsciaj malamikoj de la mondlingva afero », ĉar « ĉiuj kritikoj pri kripligo al propraj nomoj ankaŭ valorus rilate al multaj vortoj el nia lingvo ». Li do logike skribas anstataŭ : James, Fouillée, Spencer, Gœthe, Müller, Gauthier, Guyau, Nietzche, Say, Taine kaj Einstein, la fonetikajn : Ĝemz, Fuje, Spensa, Gete, Miler, Gotje, Gijo, Niĉe, Se, Ten kaj Ajnŝtajn. Jen radikala solvo de tiu problemo ! Certe, krom tio, la libro, eĉ se oni ne konsentas kun la aŭtoro, estas el la plej valoraj filozofiaj studoj jam esperantigitaj. Ĝia lasta konkludo jene alvokas al ni : « Estas la afero de ĉiu el ni doni sian helpon, kiel ajn malgranda ĝi estu, al tiu granda metamorfozo, al tiu humanigo de l'vivo, al tiu beligado de l'tera mondo. Tion nepre plenumos ĉiuj, kiuj havas senton pri la homa digno, ĉiuj kiuj, ne havante arogantan koron, havas fieran animon ».

Ĉu al la homa liberigo ankaŭ helpos TSF ? Dume ni iom lernu ĝiajn principojn. Do studu la verkon de E. Aisberg : *Fine mi komprenas la Radion*. La belan libron ilustras 245 desegnaĵoj kaj skizoj de H. Guiltrac, unuj en la teksto : science klarigaj skemoj, aliaj en la marĝenoj : amuzaj karikaturoj. La aŭtoro volas instrui sen enuigo ; tial la ĉapitroj estas babiladoj inter Scienculo, scivola knabo, kaj lia sperta onklo Radiulo. Vigle kaj bonhumore la studanto iras de la unuaj necesaj konoj pri elektro, ĝis la komplikaj fenomenoj aplikataj en radio. Tiuj, kiujn ne kontentigas turno de komutatoro, sed kiuj deziras scii kio okazas en tiuj lampoj, bobenoj, kondensatoroj, transformatoroj de l'mirinda aparato ne trovos pli kompreneblan iniciatilon, pli kompetentan gvidanton. Pri la valoro de l'verko ni notu tiun konindan fakton : la originalo, esperantlingva, unue kaj parte aperis en la tro frue mortinta : Internacia Radio-Revuo ; el tie ĝi estis tradukita en 13 diversajn naciajn lingvojn, kaj nur nun reaperas libroforme la unua publikigajo. Modela libro por popularigi sciencon.

---

### Internacia Kunveno de Bankoficistoj kaj Esperanto

okazos en Budapest, 24-31 Majo 1935, samdate kun la 40 jara ekzisto de Hungara Bankoficista Landa Societo. La oficiala programo enhavas multajn fakparoladojn, interesajn vizitojn, vastan amuz-programon kaj aliajn aranĝojn je minimuma kosto. Ĉiu bankoficisto kaj ties familianoj estas kore invititaj. Programon sendas la Hungara Bankoficista Landa Societo, Budapest, V., Mérleg-u. 2., kie funkcias ankaŭ la Hungarlanda Esperanto Societo. La hungaraj ŝtatfervojoj donas 33% rabaton. Aliaj rabatoj estas certigotaj. En la programo enestas belaj ekskursoj inter la montojn kaj sur la Danubo. Estus ne nur ĝojinde, sed ankaŭ dezirinde, ke multaj esperantistaj bankoficistoj interesiĝu, petu programojn kaj vizitu la belan hungaran ĉefurbon dum la rava printempa tempo. Oni deziras zorgi pri aparta Esp. gvidado. Oni ankaŭ povos anonci paroladon en Esperanto. La Landa Asocio de Bankoficistoj estas preta subteni esperanton. Petu esperanto-prospektojn kaj afiŝojn pri Budapest.

## Louis de Beaufront †

Ni eksciis pri la morto de S-ro Markizo Louis de Beaufront, la kreinto de « Ido », en aĝo de 80 jaroj. Li mortis la 8 januaro 1935 en Thezy-Glimont (Francujo). La enterigo okazis en Maresmontier (Somme) la 11.1.35. Estas konate, kiel li, siatempe agis kontraŭ nin. Neniu el ni povis lin demandi antaŭ la vivfino, ĉu li ekkonis, ke malĝustan vojon kiun li trairis ; eĉ inter siaj malmultaj adeptoj li restis fine izolita persono. Antaŭ la majesteco de l' morto devas ĉesi kritiko. Ni do memorigas ĉi tie la grandegan servon, kiu, antaŭ 1907, li faris al la Esperanto-movado kiel unua pioniro de Esperanto en Francujo kaj kiel fervora gvidanto en la internacia kampo.

---

### MARISTA LIGO ESPERANTISTA

Marista Ligo Esperantista, kiu celas disvastigon de Esperanto inter la maristoj kaj samprofesianoj, serĉas delegitojn por M.L.E. en la havenurboj, kie ni ankoraŭ ne estas reprezentataj.

La ĉefa tasko de la delegito estas ; Viziti la diverslandajn ŝipojn kaj inter la maristoj disdonadi propagandilojn. La diverslingvajn propagandilojn ni sendas al la del.

Propagandado inter la maristoj estas de tre grava signifo por la tuta esperanta movado. Ĝis nun ni esperantistoj ne sufiĉe atentis tion. Post nur kelkmonata agado M.L.E povas konstati grandan sukceson en sia laboro. Sed ne sufiĉas, ke ni havas del. en unu aŭ alia havenurbo. Por ke ni efektive venku *estas necese*, ke ni estas reprezentataj en *ĉiu havenurbo*, granda aŭ malgranda.

Ĉiu vera esperantisto komprenu la gravan signifon de propagandado inter la maristoj. Ĉiu samideano, lerta aŭ mallerta, povas nin helpi en nia laboro. Se vi ne havas tempon por la delegita laboro vi tamen povas helpi per aliĝo al M.L.E. La membrokotizojn ni uzas en la propaganda servo.

La kotizoj estas :

Pasiva membro, 1 svisa franko = 1.30 svedaj kronoj.

Aktiva membro, 2 svis. frankoj = 2.60 svedaj kronoj.

Subtenanta membro, 10 svis. frankoj = 13.00 svedaj kronoj.

Grupo pagas minimum 2½ sv. fr. = 3.25 sv. kr.

Ni petas vin sciigi pri la enhavo de nia alvoko la aliajn esperantistojn en via urbo kaj instigi ilin aliĝi. Sendu jam hodiaŭ viajn aliĝon kaj kotizon al Marista Ligo Esperantista, Villa Skogbacka. *Kvicksund, Svedujo*, Sekr. Holger Ekblad.

*Sveda poŝtĝirokonto* : 90 226.

---

## ONI DANKAS !

*** S-ro Feliciano Oliván, D de UEA en Cartagena, kore dankas al F-ino Marie Weinzierl, D en Altheim, Aŭstrio pro afablega kaj precize plenumita servo.

*** S-ro Jules Ginzburg, ano de UEA en Antverpeno, dankas al la Delegito en Sydney Aŭstralio, S-ro Leslie E. Pfahl, pro plenumo de informpeto.

*** S-ro H. H. Stewart, Delegito en Belfast dankas S-ron McCormick, D en Dublin, kiu pruntedonis al li kongres-negativojn, kc. por propagando.

Distingan dankon al S-ro Reg. Kons. Hugo Steiner de Vieno, Esp. Muzeo, profundon dankon al jenaj Vienaj Esperanto-Societoj « Danubio » S-ro R. Čech, « Harmonio » Ĉefdelegito Inĝ. Bernfeld, «K. Kalocsay» grupo, S-roj Nikolao Hovorka, Anton Jenks, fino H. Sprinzel, Sekret. de « Kalocsay » — grupo pro afabla subteno en mia propagandvespero Viena. Minuška Mantel, VD. de UEA, Lwów, Polujo.

# XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**BRUĜO (Brugge, Bruges) 8, 9 kaj 10 junio 1935 (Pentekosto)**

Jubileo de "**Belga Ligo Esperantista**" 1905-1935

KONGRESA ADRESO : **Wijnzakstraatt, 4, BRUGGE 4, rue de l'Outre BRUGES Belgujo**

La belgaj esperantistoj kongresos tiun ĉi jaron en la malnova arta urbo Bruĝo. La L.K.K. antaŭvidas multnombran partoprenadon, ankaŭ el eksterlando, pro la alogeco de la kongresurbo kaj ankaŭ pro la fakto ke eksterlandaj kongresanoj povos plej oportune profiti tiun okazon por viziti, antaŭ aŭ post la kongreso, la Universalan Ekspozicion en Bruselo (unu horo vagonare de Bruĝo).

Jen la plej interesaj punktoj el la programo :

*Sabaton*, 8.6. : posttagmeze, Malfermo de la akceptejo.

Vespere : Arta koncerto kun Esp.-arioj per la fama sonorilaro de la Bruĝa Belfrido. Sonorilaristo : S-ro Toon Nauwelaerts. Interkonatiĝa Dancvespero.

*Dimanĉon*, 9.6. : Oficialaj akceptoj kaj kunsidoj. Festeno. Brila teatra festo. Granda balo kun kotiljonoj.

*Lundon* 10.6. : Tuttaga ekskurso pre aŭtoĉaroj al Ostendo: Vizito de la mondfama « Termopalaco » Direktoro : Samideano D-ro Gunsburg. Poste laŭ la plej pentrinda parto de la belga marbordo ĝis Knocke-Zoute. Tie komuna tagmanĝo kaj amuzaĵoj. Revojaĝo al Bruĝo.

Petu aliĝilojn kaj detalan kongresprogramon.

Rabato 35% sur la Belgaj Fervojoj kaj Marŝipoj : Dover-Oostende.

Karavano el Britujo estas jam aranĝata ; sin turni al S-ro Fred. E. Wadham, 2, Heathdene Road, London S.W. 16.

*Kongreskotizo:* 15 belgaj frankoj, pagota al poŝtĉekkonto : 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto, Bruĝo ».

Loĝada Fakestro : S-ro Edouard Verbeke, Hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » placo Simon Stevin, 2, Bruĝo. Antaŭmendu vian loĝejon al tiu ĉi adreso. La Loĝada fakestro lokigos la kongresanojn en la — laŭ montritaj preferoj — plej taŭgaj hoteloj, laŭ plej favora tarifo kaj sen antaŭpago.



## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Ne superebla

Jes, diris la juna fanfaronemulo, mia familio povas atesti sian genealogion ĝis Vilhelmo la Konkerinto.

« Mi konjektas », moke rimarkigis ĉeestanto, ke vi ankoraŭ pruvos al ni, ke viaj antaŭuloj estis kune kun Noa en la arkeo.

« Ho, ne », elvokis la junulo, « miaj parencoj havis propran ŝipon » !

### La ĉefa penso

« Kio okazos, se la lifto difektiĝos kaj falegos en la profundecon », demandas timema sinjorino en la 14a etaĝo de alt-domo ?

« Ho, Dio mia », diras la liftknabo, « tiam mi certe perdos mian postenon ! ».

### La skota sango

Tri sangotransverŝoj estis necesaj por savi la vivon de la malsanulino. Brava skoto oferis sian sangon. La malsanulino rekoneme donis al li la unuan fojon 10 sterlingajn funtojn, kaj la duan fojon 5 sterlingajn funtojn ; sed je la tria fojo ŝi havis jam tiom da skota sango en la vejnoj, ke ŝi nur ankoraŭ diris : « Mi dankas vin... ».

## Interŝanĝo de Infanaj Laboraĵoj

Interŝanĝi per Esperanto infanajn laboraĵojn, precipe pentraĵojn, kaj montri ilin al la publiko, estas unu el la plej efikaj metodoj por la propagando de Esperanto kaj samtempe por la plifortigo de la internacia amikeco. Por tiuj celoj ni intencas kolekti tiajn materialojn el 60 landoj de la mondo kaj per ili okazigi Ekspozicion de Laboraĵoj de Tutmondaj Infanoj en japana urbo en aŭgusto de la jaro 1935.

Ni jam kolektis pli ol 1500 laboraĵojn de japanaj infanoj kun favora konsento kaj varma subteno de multaj instruistoj de la elementaj lernejoj en nia urbo. Ni sendas ilin al la delegitoj de UEA kaj klopodemaj samideanoj de pli ol 100 lokoj el 60 landoj, kaj petas ilin, ke ili rekompence sendu al ni infanajn laboraĵojn de respektiva lando.

Ankaŭ al vi ni sendos la laboraĵojn por ke vi bonvole ilin disdonu po unu al lernejaj geknaboj aŭ komisiu tion al lernejaj aŭtoritatuloj. Ni estos tre feliĉaj, se vi sendos al ni samspecajn aĵojn de via lando.

Ni kredas, ke tiu ĉi interŝanĝo certe servos por diskonigo de via lando inter niaj popolanoj kaj samtempe donos bonan rezultaton por propagando de Esperanto. Ni petas vian afablan kunhelpon.

Se la infanoj de via lando deziros korespondi kun japanaj infanoj, donu al ni iliajn leterojn, la originalojn kaj la tradukaĵojn en Esperanto; ambaŭ estos bonaj materialoj por la Ekspozicio. Ni transdonos ilin al la adresitoj kaj sendos al vi iliajn respondojn kun traduko. Skribu tre legeble vian adreson, ni petas.

Ni jam antaŭdankas vin pro la helpo, kaj profitante la okazon, ni salutas vin plej samideane.

**Oomuta Esperanto-Grupo**
**Prezidanto : D-ro H. Ueda Sakaemaĉi II, Oomuta (Japanlando)**

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0,30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, malsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*Locarno* (Svislando). F-ino L. Pedrazzini, Villa Messico interŝanĝas 100 svisajn P.M. kontraŭ 100. Ne sendas unue. c.r.

*Mikstat* (Polujo). Pola kolektanto dez. intŝ. PM k.ĉ.l., ankaŭ laŭ katalogo. Adr. : St. Bieganski, Rynek 27 woj. pozn.

*Cherbourg* (Manche — Francujo). S-ro R. Raymond, Centre des Sous-Marins, dez. kor. k.ĉ.l. prefere kun junaj geesperantistoj. C.r.

*Poy Sippi* (Wisc. — Usono). S-ro Alwin Ziegenhagen, PK latine kun Romanoj.

*Rakospalota* (Hungarujo). S-ro E. Fukasz, profesoro, Bocskay u. 58, nur PM k.ĉ.l. escepte kun Germanujo. 80-200 diversaj PM kontraŭ sama kvanto. Tuj respondos.

*Palaiseau* (Francujo). S-ro M. Lexa, rue Jules-Verne, intŝ. PM, PI.

*Osaka* (Japanujo). S-ro K. Ikegawa, Sociala Dept. de Urba-Oficejo, k.ĉ.l., pri Socialaj Problemoj.

*Janjina* (Dalmatio-Jugoslavio). S-ro Ante Marinovic, komunuma sekretario, intŝ. PM kun samideanoj el ĉiuj landoj.

*Lisboa* (Portugalujo). Jorge Lopes Calçada do Combro, 8 pri ĉiuj temoj-P.I.L.

*Lisboa* (Portugalujo). L.. Esp. Soc. «NOVA VOJO» Rua Jardin do Regedor 5-4ª Ilidio G. Lima, PK. PM. L. k,ĉ.l.

*Lisboa* (Portugalujo). F. Carvela Ribeiro kaj Eduardo Santos, R. da Escola Politécnica, 111, PM. IP. L. k.ĉ.l.

*Barreiro* (Portugalujo). E. G. PROGRESEMAJ AMIKOJ» R. Almirante Reis, 68, Oni petas korespondadon el ĉiuj landoj.

*Zwolle* (Nederlando). F-ino Yacobs «Schellerberg» PM, kvanto kontraŭ kvanto.

*Gjovik* (Norvegujo). Nova klubo serĉas gekorespondantojn. Skribu multnombre. C.r. Adr. Ed. Garlid.

*Neuhaldensleben-Bez. Magdeburg.* (Germanujo) Universal-klera fraŭlo dez. konatiĝi kun satinda fraŭlino, eventuale edziĝo por aktiveco en eksterlanda entrepreno. Diskreteco reciproka. Skribu tuj propramane detale kun fotoj al Poŝtschliessfach 15.

La titola bildo de la marta numero «Napolo» estas afable disponigita al ni de la Itala Komerca Ĉambro en Ĝenevo. Tiun de la la aprila numero ni dankas al la servemo de la Ŝip-Kompanio «Cosulich» en Trieste.

## Centrifug-Pumpiloj

patentitaj, aŭtomate suĉantaj, sen valvo

**100-foje elprovitaj**

por eltirado de

| | | |
|---|---|---|
| gaso | acidoj | ŝlimo |
| aero | lesivoj | fekajoj |
| benzino | amoniak-akvo | gudro |
| toluolo | malpura akvo | rekrementoj |
| oleo | kalklakto | sablo |
| | | ŝtongruzo |

**Garantiita suĉ-profundeco 9 m**

Ankaŭ post eniro de aero dum la funkciado okazas aŭtomata re-eksuĉo

**Patento** (DRP) Aŭtomataj instaloj por akvo-provizado
**Pumpiloj** por kaldron-nutro
**Pumpiloj** por vagon-lavado «Sihl»
**Pumpiloj aŭtomataj** por dom-akvo
**Pumpiloj** por vagon kaj varmakvo
Akvo-mezurilo por kaldron-nutro Sistemo Schmid

**Maschinenfabrik a. d. Sihl, A G**

(antaŭe A. Schmid) (Fondita 1871)

**Zürich (Svislando)**



# Lloyd-Vojaĝoj
# 1935

La granda vojaĝ-programo elvenis en Esperanto! Mediteraneaj veturoj dum la tuta jaro, veturo al Kaŭkazo, veturoj al Madero, la paradizo antaŭ Afriko, veturoj al Hispanujo kaj Maroko, al la Arkto kaj Norda Promontoro, vojaĝoj sur la Baltika Maro, al Skotlando kaj Norvegujo, veturo al la Nordmara Semajno.

Kunvojaĝu!

Sur la ŝipoj de Norddeutscher Lloyd oni estas gasto kiel ĉe bonaj amikoj.

La vojaĝ-programo estas havebla ĉe UEA (Turisma Servo) kaj ĝiaj Delegitoj en ĉiuj landoj kaj en niaj agentejoj ĉiulandaj.

**NORDDEUTSCHER LLOYD**
**BREMEN**

---

**HOTEL ADLER**
VADUZ (Liĥtenstejno)
Ĉambroj depost sv. frk. 3.50
Moderna komforto

**HOTELO AUSTIN**
*26, Rue d'Amsterdam,* **Paris 9.**
Ĉiu komforto - Konvenaj prezoj
Regule loĝata de esperantistoj
Urbocentro
Praktika komunikado

**HOTEL EXCELSIOR**
1., Rotenturmstr. 24
**WIEN** (Aŭstrio)
*Unuaranga familia hotelo. Moderna komforto. Moderaj prezoj. Fluanta akvo, varma kaj malvarma.*
Telefono en la ĉambroj

**HOTELO CONTINENTAL**
**BUDAPEST VII,**
Dohány-utca 42-44
En la centro. 180 ĉambroj.
Moderna komforto
Luksa filmteatro. Dancejo.
Muziko. Frizejo. Moderaj prezoj
*Esperanto uzata.*

**ALBERGO SEMPIONE**
**MILANO,** via Manuzio, 11
Ĉia komforto-
Tre zorgata kuirado
Ĉambroj unulitaj ekde 10 Liroj
» dulitaj » 20 »
Plena Pensiono L. 25

**St-JAMES HOTEL**
134 Strada Santa Lucia
**VALETTA (Malto)**
Unuaklasa familia hotelo en la Centro de la urbo
*Moderna komforto*
Posed.: Raph. Gabaretta

**ALBERGO**
**"LA ROSETTA"**
Unuaranga Hotelo kun ĉiu komforto
*Ordinaraj prezoj*
**RODI (INSULO RODO)**
(Egea Maro)

**HOTELO**
**JINDŘIŠSKÁ PASSAGE**
Jindrišská 7, PRAHA II
(Ĉeĥoslovakujo) *en la urbocentro*
Varma kaj malvarma akvo.
Centra hejto. Esper. parolata.
Por UEA-anoj rabato

**HOTELO OROS**
**de Benito Más**
*Moderna Komforto*
*Moderaj prezoj*
Esperantistoj ĉiam kore akceptataj
**ENCAMP** (Resp. de Andoro)

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 5.—**
Rabato por ripeto:
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %

**GRAND HOTEL ROYAL**
**BUDAPEST VI** (Hungarujo). Erzsébet-kőrut 45-47
*Telegramadreso: Royalhotel*
Centra situo. Plej granda hotelo de Hungarujo. 320 ĉambroj kun telefono kaj varma-malvarma akvo. 80 banĉambroj.
**Renkontejo de Esperantistoj.**

**Hotelo "ESPERANTO"**
Avenue des Vallergues
**CANNES** (Francujo)
Posedantino: S-ino Marret
Komforto. Ĝardeno. Centra hejtado. Varma kaj malvarma akvo. Moderaj prezoj.

**RITZ HOTEL**
Ĉiu komforto
Moderaj prezoj
*Vasapalatset, Vasagatan 26*
**STOCKHOLM** (Svedujo)
Esperanto parolata

**HOTEL "PRAG"**
Kraljice Natalije 27
**Beograd** (Jugoslavujo)
Centro de la urbo. Varma kaj malvarma akvo. *Preferata de Esperantistoj. Moderna komforto*
Moderaj prezoj.
Esperanto parolata.

**HOTELO GRAAS**
30 ĉambroj - Fluanta akvo
Centra hejto - Lifto
Place de la Gare, telef. 44-45
**LUXEMBOURG-VILLE**
(Luksemburgo)

**Vojaĝu per la modernaj ŝipoj**
de la Kompanio
**COSULICH-TRIESTE**
Informoj ĉe ĉiuj vojaĝagentejoj

**HOTEL DES ETRANGERS**
*Rue Florestine*
**MONTE CARLO** (Monako)
Ĉiu komforto
Esperanto parolata

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 10.—**
Rabato por ripeto:
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %

IMPRIMERIE GRANCHAMP, ANNEMASSE - 389-4-35.